II Jaro. XIV Num. 1918 Februaro.— Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA

OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»

S-RO. F. SERRANO OLMO

Komitatano de *Córdoba* Grupo kaj entuziasma Zamenhofano.

Delegito de Zamenhofa Federacio en Córdoba.

# KVERKO

Multaj dikaj glandoj falis, preskaŭ samtempe, de kverka densejo kaj, ĉar ili estas iom pezaj, tio pruvas ke la estontaj arbetoj bezonos la patran helpon kontraŭ la sunradioj. Ili estis ricevitaj sur mola kaj dika tavolo de sekaj folioj, kiuj sube putriĝas, kaj estas miksitaj kun la tero per la vermoj, lertaj ministoj, kiuj, konstruante galeriojn, pretigas ĝin por ke estu facile traborebla de la radikoj, kaj samtempe pli nutriga.

Oni dehakis tie maljunan arbon; la lignaĵistoj segis ĝian branĉaron, iom ebenigis la trunkon, kaj forportis ĉion. Tial, la semoj falintaj restis sufiĉe enterigitaj de la paŝado de la homoj kaj de la trenado de la lignaĵoj, por havi konstantan varmon kaj malsekecon.

Post kelka tempo, multaj semoj ĝermis kaj montris eksteren siajn unuajn verdajn folietojn. Iom post iom la vivo ekfariĝis malfacila por ili, ĉar la multenombraj fratoj trovis malsufiĉan spacon por etendi siajn radikarojn, kaj ankaŭ, por havi la necesan sunlumon ili estis devigataj altiĝi rapide.

Trakuris kelkajn jarojn, kaj kiam ili fariĝis pli fortaj, sopiris por ricevi senpere la karesojn de la suno. Tiam, unu vintran tagon ili vidis arbariston, kiu post atenta rigardado, cirkaŭbrakis la trunkon de la prapatro, kaj rapide ornamis ĝin per rubando, centimetre dividita. La arbetoj supozis ke tio estis pruvo de amo kaj respekto, sed kiam ili rimarkis ke forta viro, kun multepeza martelo, frapis sur la komencon de la radikaro kaj ankaŭ sur la trunkon de la granda arbo, ili suspektis ion neagrablan.

Baldaŭ venis dehakistoj, segis la branĉojn kaj faligis la altan kaj dikan trunkon, sed samtempe velkis kaj mortis multaj arbetoj, ĉu pro la ricevitaj frapoj, ĉu pro bedaŭro vidi dispecigita la majestan arbon, kiu vivigis ilin. La okazintaĵo estis terura; multaj larmoj el vegeta suko estis disverŝitaj de la arbidoj, sed baldaŭ konsolis ilin la ricevo de la sunaj radioj kaj la ĝuado de amplekso por etendi siajn radikojn, multvalora heredaĵo de la mortinta prapatro.

La arbetoj rapide altiĝis, sed multaj el ili ne povis sufiĉe dikigi la trunkojn kaj klinigis siajn flavajn kapojn. La aliaj, ĉiam plikreskante, ne atentis pri tio, kiel ankaŭ la soldatoj ne atentas pri la vunditoj kiuj restas malantaŭe, kiam ili atakas bajonetarmitaj. La batalo por la vivo ne antaŭenpuŝas malpli ol la militbataloj, ĉar la vivo estas la premio de la venkintoj.

Pasis tridek jarojn kaj la trunkoj dikiĝis; venis de tempo al tempo arbaristo, kiu mezuris la arbojn malpli fortaj, sanaj kaj rektaj, kaj dehakistoj faligis ilin: sekve, la starantaj arboj kreskis pli rapide. Atentu bone ke io simila okazas al la homaro, jaro post jaro, sed ĝiaj hakiloj estas malsobreco, mikrobo, armilo kaj eĉ foje, fikuracisto aŭ apotekisto.

Kiam la kverkoj estis pli ol cent jaraj, jam restis malmultaj. Tial ili ricevis sufiĉajn radiojn de la suno, kaj la produktado de floroj kaj semoj fariĝis pli granda ol antaŭe. Ankaŭ, multenombraj birdoj tie konstruis siajn nestojn, kaj ĉarmigis la aeron per sia senĉesa pepado, kiu tiel bele agordis kun la zumado de la insektoj, la murmuroj de la rivereto kaj la fajfado de la vento, kiam ĝi blovas en densejo.

La aliaj arboj malaperis rapide, sed unu el kiuj ankoraŭ staris, ĝuis la plej grandan plezuron el la vivo, ĉar povis rimarki sian trunkon cirkaŭita de multenombraj kverketoj, siaj filoj, kiuj de ĝi ricevis helpon kontraŭ la suno kaj la hajlo. Feliĉega estis la grandegulo de la arbaro!

Sed ĉio finiĝas en la mondo, kaj bela vintra tago alproksimiĝis terura arbaristo, kiu tuj cirkaŭbrakis kaj almezuris ĝin per la centimetra rubando. Se la arbo havuflugilojn! Se ventego ĝin forportu tien, kie ne loĝas la homo! Malagrablaj horoj por ĝi estis tiuj kiam ĝin dehakis, sed post kelkaj suferoj kaj jara restado en ŝiplaborejo, oni eltiris el ĝi la kilon de bela sipego, kiu trakuris la Atlantan Oceanon, kaj el ĝia pinto,



ROMANA PONTO KAJ ANTIKVA TURFORTIKAĴO (CÓRDOBA)

la stangon kiu portis tien kaj ĉien la flagon ruĝan kaj flavan... LA SANKTAN FLAGON DE HISPANUJO!

*R. Çordoníu*

# KONTRAŬ REFORMOJ

Mi denove legis artikoleton pritraktantan reformojn de Esperanto. Malmulte pri tio mi legis sed mi volus neniom legi.

Nia laborema samideano Rene de Saussure reskribis pri la reformo de la alfabeto, Li finis antaŭ longe sian gazeton Lingvo Kosmopolita per la aserto: Esperanto estas parole perfekta sed ortografie perfektigebla. Li skribis ĉi tion en 1913 kaj mi supozis ke li estis forlasinta tian reformemon, tamen mi eraris. Li reprenis la temon kaj celas konvinki nin ke ni devas aliskribi Esperanton; ĉar, laŭ li, la Zamenhofa ortografio aperas al la okcidentanoj iom stranga, peza kaj neestetika pro la tro granda nombro de vosthavaj konsonantoj (k, h, j,) kaj de konsonantoj supersignitaj.

Oni facile konkludas el tio ke, eĉ akceptante tian opinion, sole la okuloj de la okcidentanoj suferas pro la nuna ortografio, la orientanoj sendube ne suferas kaj kredeble ĝuas ĝin. Se por plezurigi la unuajn, ni skribus Esperanton laŭ tiu de René, pensita ortografio, la orientanoj protestus.

La ĉefa, modifo proponita de René de Saussure estas anstataŭi la literon kaj sonon k per la litero c; ĉar, laŭ li, vocalo, consonanto, culturo k. t. p. estas vortoj pli belaspektaj ol vokalo, konsonanto kaj kulturo. Kontraŭ tia reformo protestus sendube la germanoj, la hungaroj kaj aliaj ĉar ili uzas la k por tiaj vortoj.

De Saussure opinias ke reformo de ortografio ne estas reformo de lingvo. Mi tute ne volas pridiskuti tion tamen la aliskribo estus rompo de la lingvo kaj mortigo de la ĝis nun kreita literaturo. Alia esperantisto S-ro H. Sentis prezentis novajn reformojn enhavatajn en la broŝuro de li verkita titolita «Kion bezonas Esperanto». Mi ne posedas tian broŝuron, sed mi pensas ke Esperanto bezonas fidelajn, lojalajn kaj entuziasmajn propagandistojn sed tute ne reformojn kiuj ordinare plaĉus al malmultaj kaj maltrankviligus ĉiujn.

Mi ankoraŭ rememoras ke kelkaj francoj malamantoj de la sono ĥ, ĉar por bone elparoli ĝin ili devas uzi iom da tempo, skribis kemio, mekaniko, kaoso k. t. p. anstataŭ la Zamenhofajn vortojn ĥemio meĥaniko, ĥaoso k. t. p. Tuj venis el Rusujo la protesto kontraŭ tio, ĉar la rusoj trovas ke la litero ĥ estas eĉ belsona. Ankaŭ okazas ke la cititaj vortoj sekvas la rusan ortografion.

Oni renkontos ĉiam reformuloj kaj estos certaj ke per iliaj reformoj perfektiĝos kaj progresos Esperanto tiel kiel oni renkontas monludantoj kiuj konas senduban kombinon por gajni kaj malgraŭ tio perdas la monon.

Ni devas lasi la reformulojn elpensi kaj diskuti sed neniel ilin sekvi ĉar ili kondukus nin al bankroto.

*Victor O. de Allende*

Bilbao en Januaro se 1918.

# Alvoko al la Vaska Esperantistaro

La plej humila admiranto de la Zamenhofa elpensitaĵo. Kuraĝas voki la atenton al la Vaska Esperantistaro pri la propagando de Esperanto kiun ni devas fari ĉi tiun jaron.

Por kio ni starigis la Vaskan Esperantan Federacion? Ĉu ni starigis ĝin nur por... nenion fari? Ĉu vi kredas, karaj gesamideanoj ke nur sufiĉas starigi Federacion? Ne; estas necese ke ni vekiĝu, ke ni eliru publike propagandante nian sanktan aferon.

Kion pensas pri tio la pioniro de Esperanto en Vizkaya S-ro Allende? Kaj la tre lertaj Esperantistoj, S-roj Elizondo, Larrea, Sta. María, Velasco, Etezcano, mia kara instruisto S-ro Rodriguez kaj multaj aliaj, ĉu



«MIRHAB»

INTERNAĴO DE LA ANTIKVA MOSKEO NUNA KATEDRALO (CÓRDOBA)

ili jam forgesis ke ili estas Esperantistoj? Kaj la simpatiaj Esperantistinoj de la Bilbaoa Grupo, ĉu ili nenion pensas pri la Esperanta propagando?

Kaj la fervoraj esperantistoj de la Laboristaj Esperantaj Grupoj de Bilbao kaj la Arboleda ĉu ili nenion rememoras pri nia celo?

Respondu ĉiuj karaj gesamideanoj.

Vi jam scias, ke, pro la morto de nia karega Majstro, Esperanto restis orfa, kaj nun estas kiam ni devas labori por nia afero pli senĉese ol antaŭe. Ni devas fari novan, nelacigeblan propagandon por plivivigi, plifirmigi, plidensigi la ekzistantajn Esperantajn societojn kaj fondi multajn novajn grupojn.

Ni devas aranĝi ekskursojn de samideana frateco kaj de amika interkonatiĝo, kiuj havos grandan influon sur la publikan opinion en ĉi tiu regiono.

Ni ĉerpos el ili novan kuraĝon por daŭrigi la propagandon kaj novan konfidon en la sukceso de nia fruktodona entrepreno.

De nun, estimataj gesamideanoj, preparu vin por la venonta agado, kiu postulos la sindonan kunlaboradon de ĉiuj.

Ĉiu esperantisto devas pli ol iam, sin dediĉi al vigla kaj nelacigebla propagando, memorante la principon de nia kara Majstro: «semante kaj resemante» senĉese.

Ni ne forgesu, ke, por sukcesi, ni ne bezonas multnombrajn batalantojn; ni ne perdu kuraĝon vidante kunlaborantojn kiuj forlasas aŭ forlasos niajn vicojn; ni restu sur nia posteno kaj pripensu ke nur kelkaj agemuloj kaj kuraĝuloj pli certe venkos ol granda nombro da personoj sen iniciativo kaj karaktero, kiuj forflugas kvazaŭ paseroj, kiam ili aŭdas la unuan pafadon.

Feliĉe, en niaj vicoj mankas neagemuloj kaj malkuraĝuloj; entuziasmuloj kunigu siajn klopodojn kaj ne demetu la armilojn; la triumfo kaj la venko nepre estos por ni.

*Eugenio Lunate*

Barakaldo. Januaro 1918.

# DISTINGECO

Korpo estas por via servo; ĝi estas la besto sur kiu vi rajdas. Zorgu pri ĝi, ne laċigu ĝin, nutru ĝin bone, per puraj nutraĵoj, kaj konservu ĝin ĉiam purega sen plej malgranda ero da malpureco. Sed vi ĉiam ordonos vian korpon; kaj neniam via korpo, vin.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Distingu gravon el malgravo. Estu firma kvazaŭ ŝtonego pri principoj, sedu ĉiam pri detaloj. Estu afabla kaj milda, cedema kaj saĝa, kaj lasu al aliaj saman liberecon, kiu estas por vi tiel necesa.

Distingu veron el mensogo, kaj estu verema pense, parole kaj age.

Precipe estu verema pense. Ne pensu iel, nur pro tio ke aliaj pensas tiel, aŭ ke sakraj libroj tion jesas, aŭ ke oni traktas pri jarcentaj kredoj. Rezonu kaj juĝu vi men ĉu la kredo estas verŝajna. Atentu ke se miloj da homoj konsentas pri afero, kiun ili nekonas bone, ilia opinio neniom valoras. Lernu pensi per vi mem, ĉar superstiĉo, el kiu vi devas liberiĝi tute, estas plej granda malbonaĵo el la mondo.

Via penso pri aliaj estu honesta. Ne pensu pri ili tion, kion vi ne konstatis kaj ne supozu ke ili ĉiam pensas pri vi. Se iu faras aŭ diras ion, kio laŭ via juĝo, estas kontraŭ vi, ne pensu tuje: «Li volas domaĝi min» Eble li eĉ ne pensis pri vi tiam. Se iu vin parolas kolere ne pensu ke li malamas vin aŭ deziras vin insulti. Eble, alia kolerigis lin, kaj li nevole ĵetas sur vi sian ĉagrenon.

Estu verema parole. Ke viaj frazoj estu ĝustaj kaj sen tro grandigo. Ne atribuu al alia malbonajn intencojn. Kiam vi aŭdos paroli malbone pri iu, ne ripetu tion, kion vi aŭdis. Eble tio ne estas vera, kaj se ĝi ja estas, vi agos plibone per la silento. Pripensu ~~antaŭ~~ ol paroli por ne diri neĝustajn frazojn.

Estu verema age. Zorgu ne ŝajne malsama kiel vi vere estas.

*Krishnamurti*

(El *«Ĉe la piedoj de l'Majstro»*)

# CORDOBA

Kiam mi alvenis al Córdoba tiu ĉi araba urbo estis ornamata per la printempaj floroj kiuj tiel multe beligas Andaluzion.

Estis hela tago; Aprilo montradis siajn belaĵojn, kaj, helpante ĝian naturan lukson, la ĉielo bluiĝis kiel plej eble kaj la suno verŝadis siajn orajn radiojn sur la teron kaj sur la tegmentojn de la blankaj domoj.

Córdoba estas belega urbo kiu konservas ankoraŭ sian araban karakteron; ĉi tieaj stratoj, mallarĝaj kaj tordaj preskaŭ ĉiuj, elvokas en la vizitantoj la antikvajn morojn de pasintaj generacioj.

Laŭ la Historio, Córdoba havis dum la X.ª jarcento milionon da loĝantoj; ĉi tie, kie naskiĝis Séneca kaj Lucano en la roma epoko, faris poste la araboj gravajn sciencajn progresojn kaj tial oni nomis la urbon «patrino de la sciencoj». Tiam venadis en Córdoba el ĉiuj la landoj ĉiuj personoj kiuj volis ellerni sciencon aŭ arton, en ĝiaj lernejoj studis la plej lertaj sciencamantoj kaj estis tiaj ĝiaj bibliotekoj ke nur unu, fondita de Abderrahmán, enhavis 600.000 volumojn.

Iom post iom, la civilaj bataladoj kaj la fanatikeco de la Realmilito detruis ĉi tiujn diritajn tresorojn, devigante ĝin esti nur duaklasa urbo.

De tiam, Córdoba montras al la vojaĝantoj siajn monumentojn kiel ateston de sia pasinta majesteco. Estas la plej gravaj el ili la Moskeo, kiun admiras ĉiuj la vizitantoj pro ĝia originala arĥitekturo; la romana ponto, nomita «Julio Cesar», sub kies arkoj fluas la Guadalquivir; la Calahorra, araba kastelo; la Pordo de la Ponto, de la XV.ª jarcento; la Triunfo, la Sinagogo, la Kapelo de Almanzor, kelkaj monumentoj al Sankta Rafaelo, turoj, kaj kelkaj artaj pordoj de antikvaj ĉefdomoj.

Krom tio, Córdoba havas ankaŭ kelkajn nuntempajn belkonstruaĵojn, sed tio, kio plej kontentigas la vizitantojn, estas ĉi tiuj andaluziaj kortoj plenaj da diantoj, da rozoj, da jazmenoj kaj da ĉiaj floroj, kaj ĉi tiuj virinoj, belaj, brunaj, nigraharaj, ruĝbuŝaj kaj brilokulaj kiuj ankoraŭ ne neas sian araban devenon.

*F. Serrano Olmo*

Córdoba, Februaro, 1918.

# DIALOGO DE SPERTA SOVAĜULO

«Mi aŭdis laŭdi tiom la utilojn de la civilízacio de kiam mi naskiĝis, ke iom post iom kreskis en mia koro la deziro viziti Eŭropon, por admiri kaj studi ĝin, kaj poste transporti en miajn montarojn tiujn reformojn, taŭgaj por la nuna barbara stato de mia lando.

Mi alvenas, kaj mia surprizo ne havas limojn kiam mi vidas la mirigajn maŝinojn, kiujn la spertaj eŭropanoj elpensis por detrui sin reciproke, same sur la tero, kiel tra la aero, kiel tra la maro.

Kaj rigardante detruitajn kamparojn kaj urbojn, dissemitajn kadavrojn ĉie; kaj vidante larmojn en ĉiuj okuloj, kaj aŭskultante la profundajn ĝemojn de ĉagreno, kiuj eliras el ĉiuj brustoj; kaj rigardante genufleksantajn popolamasojn antaŭ ilia Dio, petantajn de Li helpon por detrui la malamikojn; antaŭ tiu Dio, kiun la batalantoj tie montris al ni kvazaŭ tiu de la Paco, Amo kaj Kompatemo, rigardante ĉion tion, kaj ke homoj, kiuj estas devigataj esti justaj pro sia scieco, aprobas kaj senkulpigas, kaj eĉ justigas, tiajn teruraĵojn, mi ne volas scii pli multe kaj mi decidiĝas reveni en miajn arbarojn kaj en miajn kabanojn por fondi Universitaton pri Barbareco, kien la eŭropanoj, kiuj detruis la ĉi tieajn Universitatojn, povos iri lerni moralon kaj humanismon, kaj kien iam povos rifuĝi, por ne aŭdi sangajn petojn, tiu Dio, kiun mi nun rigardas, kiu mortis sur la kruco rezignacie, kaj pardonante siajn malamikojn.»

*J. N.*

Tradukis J. M. R.



STRATFONTO (CÓRDOBA)

# Forkuranta frenezulo

Frenezulo ĵus forkurinta el frenezulejo haltis kontraŭ ĝardeno, kiun viro estis kulturanta. Oni povis rimarki amemon de la ĝardenisto por floroj, plantoj, arbetoj kaj arboj ĉar la aspekto de la ĝardeno estis agrabla.

—Bonan vesperon—ekkriis la frenezulo, sin turnante al la kulturanto— Belan ĝardenon vi posedas.

—Jes, iomete bela.

—Ĉu vi loĝas ĉi tie de multe da tempo?

—Dek jarojn proksimume.

—Ĉu oni devos kulturi multe da tempo ĝardenon por ke ĝi estu tiel bela kiel la via?

—Multege; mi pasigis ĉi tie *ĉiujn miajn liberhorojn*.

—Tamen, estas vera kontenteco vivi ĉe tiel bela loko.

—Jes, vi estas prava. Kiam mi alvenis ĉi tie, ĉie estis malpuraĵoj.

—Mi supozas ke vi aĉetis ĉion po malmulte da mono.

—La domo ne estas mia.

—Ĉu ne? Kial, do, vi tiom laboras?

—Kial?... Kompreneble, la domo estas mia dum mi *pagas la luprezon*.

—Ha! Vi, do, ne posedas ĉi tiun terbienaĵon.

—La domo kaj la ĝardeno estas propraĵoj de S-ro Barglej, la bankisto. Li loĝas apud ĉi tie, en la domo de la grandaj ĝardenoj.

—Ha! Jes. Mi lin konas. Sed ĉi tiu S-ro pasigos la tutan tagon kulturante siajn ĝardenojn.

—Ne, S-ro. Li neniam tion faris. Li havas kelkajn ĝardenistojn al kiuj pagas salajron.

—Tial ke ĉi tiu ĝardeno estas lia, ankaŭ li pagos al vi.

—Ne kredu tion. Mi pagas al li por vivi ĉi tie.

—Sed, certe, vi pagos malpli da mano ol tiuj kiuj ne kulturas la ĝardenojn.

—S-ro, vi ŝercas. Kontraŭe mi pagas pli ol ili, ĉar, *pro plibonigoj de mi faritaj*, li plialtigis la luprezon.

—Sed iam la domo kaj la ĝardeno estos viaj.

—Neniam. Mi ĉiam estos devigata pagi la luprezon...

La frenezulo eniris, kaj silente sin direktis al la kulturanto, kaj scivoleme kaj singardeme diris al li:

—Respondu, kiel vi trafis forkuri el frenezulejo?

---

# FLORETO RABITA

En verda kampo paŝtisto
vidis belan floron;
ĝi emocie batigis
ame lian koron.

Li restis en la floreto
tuj enamiĝinta
kaj al ĝi do apartenis
l' anim' flamiĝinta.

En ĝin akvon li surverŝis,
ame zorgis ĝin,
kaj ĝi pli iom post iom
enamigis lin.

Li ne kuraĝis eĉ tuŝi
ĝin per sia mano,
kaj li ĉiutage zorgis
ja pri ĝia sano.

Sed tien tagon alvenis
tre bela ĉasisto;
juna, eleganta estis
la birdmortigisto.

La paŝtist' sentis envion
kvankam ne malamon;
ne pensis ke la ĉasisto
ĉasos lian amon.

Sed baldaŭ indiferenta,
en plena trankvilo
la ĉasisto forveturis
per aŭtomobilo.

La paŝtiston rigardigis
la motora bruo;
la ĉasist' portis la floron
en la butontruo.

Tiam la paŝtist' kriegis:
«se vi havas oron
kial venis al mi ŝteli
ĝin; mian trezoron!»

La floreton jam belkinta
ĵetis la ĉasisto
dum pro malĝojo senĉesa
mortis la paŝtisto.

Vidu, ĉasisto de l'amo,
amata de l'sorto,
via amuz' simpla, estas
al alia morto.

Pensu ke kiam vi estas
senzorge trankvila
vi povos esti punata
per puno simila.

*Rafael de San Millán*

# La vizio de Pisistrato

Pisistrato, ido de reĝaro, renversis la Respublikon de *Atenas* kaj sin proklamis reĝo, kontraŭ la opinio de Likurgo kaj Solon. Solon ekziliĝis sed Likurgo konspiris kaj sukcesis ribeli la popolon kontraŭ la reĝo, Megaklo ne partoprenis la ribelon, eĉ avertis la reĝon pri tio okazonta, sed la reĝa palaco estis atakata kaj ekbruligata, kaj Pisistrato, trovinte la ĉambron de sia amata edzino Fia ĉirkaŭita de la flamoj, forkuris.

Post kelka tempo Megaklo anoncis Pisistraton ke li preparis kontraŭrevolucion, sekve, Pisistrato decidis reiri Atenon interkonsente kun la pastroj.

La ĉefpastro konstatis certigon de la orоklo kiu anoncis al la popolo nur povi esti feliĉa sub regado de Pisistrato, kaj la atenanoj, pro timo al la dia venĝo, akceptis denove la tiranon, kiu por kompletigi la farson eniris en la ĉefurbon en luksa ĉaro kaj kun belega virino kiu reprezentis la diinon Minervo kaj kiun oni havigis al li kun tia celo. Ŝi iris kovrita per vualo kaj alveninte la palacon ŝi malkovris sian vizaĝon. Tiam la feliĉo de Pisistrato estis plej granda: tiu virino estis lia edzino, lia amata Fia, kiu sin savis el la brulado kaj la batalo kaj estis vivanta kaŝe ĉe la pastrinoj de l'templo. Megaklo, kiam kontraŭrevoluciis, kredis ke Fia estis mortinta, kaj estis pensinta edzigi Pisistraton kun sia filino. Kompreneble tio, kion faris la ĉefpastro ne plaĉis al Megaklo, kiu preparis revolucion diskonigante ke Pisistrato estis subaĉetinta la ĉefpastron kaj utiliginta la religion por trompi la popolon,

Fia, koninte la ĉagrenon de Megaklo, sin oferis heroe por savi la tronon kaj la feliĉon de Pisistrato. Ŝi forkuris skribinte leteron al Pisistrato por lin sciigi ke ŝi foriris por savi lian feliĉon kaj tiun de Ateno.

Kiam Megaklo sciis tion proponis la pacon kun la kondiĉo ke li forlasu la reĝinon kaj edzinigu lian filinon.

Pisistrato tion ne akceptis, estis venkata kaj devigata lasi la tronon kaj foriri de Ateno.

Li vagis longe tra Eubeo, sed timante la persekutadon de Megaklo pasis al la insulo Naksos. Iam, preĝinte en templo de Minervo, vidis tombon per kies epitafo li sciis ke tie ripozis lia enamiĝinta kaj heroa edzino. Sub la dolorpremo li ploregis memorante tiun laŭdindan edzinon jam perdita. Tiam okazis mirindaĵo: la arkaĵo de la templo malfermiĝis kaj aperis Minervo kun sia tuta lumego, kun la belega aspekto kun kiu ŝi brilis kiam eliris el la kapo de Jupitero. La diino diris severe al Pisistrato: «Tiamaniere la dioj punas al kiuj trouzas la religion por siaj ambiciaj deziroj».

.......................................

Pisistrato reĝis denove kaj neniam forgesis la apero de la justsevera diino.

Hispane verkis R. de San Millán.

Trad. *F. R.*

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn.***

I

Regis la regnojn de Kastilujo kaj Leono la reĝo Ferdinando III.ª la Sankta, kiu, post sukcesa milito kontraŭ la Araboj de Anda-

luzio, iris en Toro'n, kie ĵus mortis la reĝino Beatriz, lia edzino.

Dume, la kristanaj korpusoj de Ubeda, Andujar (Anduĥar) kaj Baeza, organizis kaj efektivigis militekskursojn kontraŭ la mahometanoj, portante la teruron ĉien.

Unu el tiuj militkuradoj sukcesis eksterordinare. La kristanoj surprizis Córdoba'n kaj lancovundis en ĝiaj stratoj ĝiajn loĝantojn, kiuj, post la momentoj de la surprizo, brave kontraŭatakis la surprizintojn, kiuj estis devigataj rifuĝi kaj fortikiĝi en la *Azarquia* (antaŭurbo) antaŭ ol perei.

Kuraĝe sin defendis la kristanoj atendante la helpon, kiun ili petis je la Sankta reĝo, decidataj morti antaŭ ol forlasi lokon, tiel favora por la sieĝo de la kortego de la famaj *Abderrahmanoj*. Ju pli heroe sin defendis la kristanoj, des pli freneze kontraŭatakis la mahometanoj, komprenante la gravecon elpeli la malamikojn el la antaŭurbo.

Rapidaj, kvazaŭ kolomboj, iris kurieroj al la Sankta reĝo por sciigi al Li la okazantaĵon. Ili alvenis al la reĝa tendaro, kaj kiam la Sankta reĝo sciis la novaĵon, Li respondis per ĉi tiu frazo mem «atendu nur horon». Ankoraŭ ne estis pasinta, kiam Li jam estis ordoninta la koncentriĝon de la armeoj tra la vojo kaj ĉe la remparoj de Córdoba kaj deirinta, kiel eble plej rapide, helpi kaj savi siajn kuraĝulojn.

Ĝustatempe alvenis la kristanaj militistaroj liberigi siajn kamaradojn, devigante la kordobanojn rifuĝi post iliaj remparoj. La kastila monarĥo pretigis la sieĝon, kiu sukcesis la 29-an de Junio de 1236.[a], tagon kiam kapitulacis Córdoba, kie okazis pro tio gravaj festoj.

## II

La feliĉiga novaĵo flugis ĉien. Ĝi venis en Palazuelos'n, humila vilaĝo de la provinco Guadalajara (Guadalaĥara), staranta ĉe la landlimo de la regno de Aragono.

La vilaĝo konsistas el malmultaj domaĉoj, kiuj grupiĝas ĉirkaŭ humila preĝejo. Eksteren, sur altaĵeto, staras, kvazaŭ gardstaranta fortikaĵo, alta, masiva kaj kvadrata turego, kies fenditaj kaj grizaj muroj elmontras ĝian antikvecon.

Juna junkro kun sia edzino kaj du gefiloj kvin-kaj trijara infano kaj infanino respektive, kune kun maljuna sperta soldato, kvazaŭ paĝio, kiu estas samtempe servisto kaj instruanto de la infano, estas la geloĝantoj de tiu turego.

Ambaŭ geedzoj interparolas interese en ĉambro de la masiva turego, dum la geinfanoj ludas kaj la maljuna servisto pretigas malnovan kaj fortan armaĵon. Ni aŭskultu ion el ilia interparolado:

—Marnjo, karulino mia! Pezas sur mi granda ĉagreno, kvazaŭ plumboplataĵo; ne esti alkurinta al la alvoko de nia reĝa Moŝto; Sed nun, plena je vivo, forto kaj iluzioj, mi alkuros kontenta, feliĉa, al la nova milito kontraŭ la malamikoj de nia patrujo kaj religio, ĉar tion postulas mia honoro kaj la estonteco de niaj gefiloj.

—Jes, vi estas prava, amata edzo! Sed mi, malgraŭ mia konvinkiĝo pri la nepreco de via foriro, tremas, kaj ne apartiĝas el mia penso la danĝeroj pro tiel longa vojaĝo. Sola, Dio mia! Sen iu, kiu povu helpi lin!...—diras la edzino ekploranta.

—Forpelu tiujn timojn, Marnjo! Mia koro anoncas al mi feliĉan vojaĝon kaj bonan sorton; ke mi revenos baldaŭ, honorita kaj riĉigita, kaj tiam mi rekrutigos kaj armos la lojalajn kaj kuraĝajn junulojn de nia vilaĝo, kiuj hodiaŭ bedaŭras ne akompani min. Jes, ne dubu, mi revenos kunportante la feliĉon, kaj tiam, vi, pli bela, ol ĉiam, benos la horon de mia nuna foriro, hodiaŭ tiel maldolĉa por vi.

—Johĉjo!... Kara edzo! Ju pli mi deziras kuraĝiĝi, des pli mia koro doloriĝas!... Semajnojn, eble monatojn, ne ricevonte novaĵojn pri vi!... Kia terura turmento!...—kaj tiel dirante, Marnjo, kun siaj belaj okuloj, tiel nigraj, kiel la mallumeco de senluna nokto, el kiuj ŝprucas larmoj kvazaŭ fluado de briliantoj glitantaj sur vangoj kies rozkoloron envius la rozoj, rigardas ameme sian edzon dum ŝi brakpremas lian kolon, sopiras pro-

funde, kaj, fine, apogas sian diinan kapon sur la bruston de sia karulo, kiu restas muta pro emocio. Sed feliĉe, tiu ĉi muta sceno estas interrompata de la maljuna soldato, kiu rimarkinte la embarason de sia Moŝto ekdiras:

—La diablo forportu min! La afero ne esttas tiel grava! Mia mortinta Moŝto kaj mi perdis la kalkulon pri la bataloj kiujn ni ĉeestis kaj el kiuj ni trafis ne malmultajn vundojn, kaj tamen, mia Moŝto, via patro, mortis tre maljuna, kaj jen mi ankoraŭ.

—Certe, bona kaj fidela Petro! —diras la junkro, apartigante dolĉe sian edzinon kaj penante kaŝi sian profundan emocion.

—Mia Moŝto! Je la diablo! Mi certigas ke estas pli timinda unu sola virino, ol cent araboj! —krias la servisto.

—Ne ĵuru Petro, ĉar vi ne komprenas tiajn aĵojn tial ke la milito ŝtonigis vian koron—rediras Marnjo.

—Ĉiuj sanktuloj helpu min! Je nia sankta patrono Santiago! ...Petro ne povis daŭrigi siajn interjekciojn ĉar la nobelo silentigis lin dirante:

—Silentu, mia lojala Petro, silentu! Atentu kaj zorgu, ke ĉio estu preta por mia deiro, kaj ni ripozu trankvilaj kaj fidemaj je mia bona ŝanco.

Ambaŭ geedzoj eliras kun siaj gefiloj, kaj la maljuna servisto daŭrigas la plenumadon de la ordonoj de la junkro.

Je la sekvanta mateno, oni rimarkas la restsignojn de la nedormemo sur la vizaĝoj de la geedzoj, kiujn la tagiĝo surprizis stare.

Tre frue, post milda, ama kaj korprema adiaŭo, la juna junkro forlasas la vilaĝon, kunportante la amon de la siaj, la benon de la maljuna paroĥestro kaj la bondezirojn de la naivaj kaj bonkoraj vilaĝanoj.

Eĉ Petro, la lerta soldato, la nobla servisto ne povas kaŝi sian emocion, kaj kelkaj larmoj fluas sur liaj sulkigitaj vangoj, kiujn brunigis la suno de multaj bataloj; eble li rememoras tempojn, kiam li rajdis tenante lancon, kvazaŭ paĝio, apud sia mortinta Moŝto.

*(Daŭrigota)*

---

Oni petas tujan sendon de kotizaĵojn al Protektantaj Zamenhofanoj, Protektantoj kaj Zamenhofanoj. De la marta numero oni komencos publikigi du paĝojn pri Esperanta Enciklopedio de S-ro Fernando Redondo. Kaj oni malfermas Anoncfakon, senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj, pri kia ajn interkorespondado (1). Oni celas ankaŭ malfermi Ŝakfakon kiel eble plej baldaŭ. Ĉiu el tiuj S roj kies fotografaĵo aperis aŭ aperos sur la unua paĝo de ĉi tiu revuo kaj sendu 2 pesetojn, ricevos sian kliŝon kiun li povos utiligi por eldoni poŝtkartojn, same ricevos kliŝojn Grupoj aperintaj aŭ aperontaj sur la revuo po helpanta kotizaĵo da tri pesetoj.

---

(1) Kaj la anonco ne estos ĉiumonata, ĝi estos laŭ nombro da anoncantoj kaj ĉirkonstancoj.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

---

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

S-ro Jacinto Comella el *Vich* (Barcelona) sendis la solvojn pri Januaraj Hieroglifo kaj Sprita Ŝarado.

Solvo de la HIEROGLIFO:
(LITER'-A-TURO)
*Literaturo.*

Solvo de la SPRITA ŜARADO:
RI - PO - ZO
1.ª 2.ª 3.ª

## NUMERVORTOJ ESPERANTAJ

KRIPTOGRAFIO

| | | |
|---|---|---|
| ★★★0 | = | Posedanto. |
| ★1★★ | = | Kolego, kunlaboranto, akompananto, k. c. |
| 2★★ | = | Nobelo. |
| ★★3★★★ | = | Sulfurika acido, salo. |
| 4★★★★ | = | Urba parto. |
| 5★★ | = | Tono. |
| ★6★★★ | = | Asistanto, helpanto de juĝisto. |
| 7★★★★★★ | = | Monato. |
| 8★★★★★ | = | Monato. |
| 9★★ | = | Malagrabla sentaĵo. |
| 10★★★★ | = | Decido, ordono. |
| 100★★★★ | = | Tempodaŭro. |
| 1000★★★· | = | Batali. |

Anstataŭu la stelojn per literoj, tiamanieke, he kune kun la numeroj, ili esprimos la vortojn klarigitajn ĉe la dekstra flanko.

La solvoj en venonta numero.